AE168

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 07/06/2014 Cent sesdek oka eldono 07/06/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else

SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon ABC nova

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



## Skribi utilas pli ol tajpi

Kiu dum seminarioj aŭ prelegoj notas la enhavon, tiu prefere uzu la globkrajonon ol la porteblan komputilon. Tion rekomendas usonaj psikologoj: Manskribitaj notoj laŭ studaĵo estas pli bonaj por la memoro.

Komputiloj en la prelegejo hodiaŭ estas ĉie troveblaj, la lernejan kajeron ili tamen ne anstataŭis. Verŝajne nelaste ankaŭ pro tio ĉar per la komputilo eblas fari ankaŭ aliajn aferojn ol sin dediĉi al la lernotaĵo. Se la instruado estas enuiga, certaj konataj komputilaj kartludoj havas distran valoron. Kompreneble fuĝo de pensoj eblas ankaŭ sen komputilo, kiu nepre ne volas sekvi la instruadon, tiu faros tion ankaŭ per analogaj rimedoj. ktp klaku! Aŭskultu! Lernu!

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

# EsperantoTV http://www.esperantotv.net/

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo




## Ĉe Lingvaj Festivaloj, ktp

Ni devas propagandi per fordono de la senpaga Ŝlosilo.
La ĉeestantoj de lingvaj festivaloj interesiĝas pri lingvoj
La ŝlosilo montras kiel logika estas Esperanto.
Ĉu vi havas pli bonan metodon?

La Kolora Ŝlosilo havas preskaŭ la saman tekston
sed ĝi aspektos pli alloga. Presota baldaŭ




## Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

La venonta kunveno okazos la 22an de Junio. La 4an dimanĉon de ĉiu monato.

**Vidu paĝo 3**

## Ignite Sydney



(http://www.ignitesydney.com) La evento kiu enhavos Esperanton okazos la 16-an de Julio ĉe "Oxford Art Factory - 38 Oxford St Darlinghurst" La pordoj malfermiĝas je la 6-a kaj prelegoj komenciĝos je la 7-a. Kompreneble ĉiuj Esperantistoj estas invititaj. Kutime partoprenas pli ol 500 homoj.

Nun estas konfirmite, ke Richard Delamore ja parolos pri Esperanto ĉe la Ignite evento la 16an de julio.
Vi povas vidi lian nomon sur la listo de parolantoj
http://www.ignitesydney.com/speakers/

Amike, Nicole

# mi aranĝis novan grandan nomsignon sur Esperanto-Domo












Malnova afiŝo
Nova sube





Cultural & Educational Centre
ESPERANTO HOUSE
www.EsperantoHouse.org.au

aŭ

Cultural & Educational Centre
Esperanto House
www.EsperantoHouse.org.au

Ĉar la plej multaj homoj nur vidas la trotuaron dum piedirado, ni ŝablonos la vorton ESPERANTO sur la trotuaron ĉe Lawson Strato



Saluton, kara Roger
Mi notis ke vi atingis vian naskiĝtagon, bedaŭrinde mi sciis tion malfrue.
Do, pardonu min kaj permesu min paroli al vi, bonegan, fortegan, feliĉegan naskiĝtagon kaj ankaŭ por estonteco.
Mi mirrigardas vian nemalpliigitan spiriton por kontribui en Esperantujo; vi estas ekzemplulo al aliuloj.
Kun ĉiuj bondeziroj, Andreo Samosir

# jen iom pri la ĵusa lingva festivalo en Adelajdo

Laŭ propono de nia Sandor, kiu mem organizis kaj organizas lingvajn festivalojn en sia propra lernejo, profesoro Ghil'ad Zuckermann organizis tian festivalon en sia universitato (de Adelajdo).

La prezentantoj de 20 diversaj lingvoj havis nur po 25 minutoj. Kiel vi povas imagi, ne eblas multon montri en tiel mallonga tempo: iom pri la historio de la lingvo kaj ĝia popolo, kaj eble unu-du karakterizaĵojn de la lingvo mem.

Mi havis la privilegion prezenti Esperanton. Nur kelkajn frazojn mi dediĉis al la celoj kaj historio de Esperanto: ĉefe temis pri la strukturo de la lingvo mem. Ĉar okazis samtempe kvin prezentaĵoj, mi ne sciis, ĉu iu ajn venos al mia. Je mia granda plezuro la ĉambro tamen pleniĝis je grandparte junaj homoj. Ĉiu ricevis ĉe la pordo laborfolion kun prezento de diversaj gramatikaĵoj kaj ekzercoj. Mi kredas rajti diri, ke ili miris pri la simpla kaj regula skemeco; ili povis mem post nelonge elpensi frazetojn.



Alia bona konstataĵo: preskaŭ ĉiuj aŭskultantoj jam sciis, ke ekzistas Esperanto, kaj ŝajne ili subtenas la celon de la lingvo. Ni esperu, ke almenaŭ kelkaj el tiuj homoj nun decidos serioze lerni ĝin!

Trevor Steele

# la Peĉa Kuĉa formato

Karaj legantoj de Aŭstralia Esperantisto,

mi legis, ke Riĉardo prelegos pri Esperanto dum Ignite Sydney en la Peĉa Kuĉa formato. En 2012 mi faris Peĉa Kuĉa prelegon en Stuttgart pri Esperanto antaŭ 350 aŭskultantoj.



Se vi skribas al mi (rainer.kurz@esperanto.de), mi sendos mian prelegon (20 bildoj, PowerPoint, 4 megabajtoj) al vi

el Germanio mi salutas ĉiujn Aŭstraliajn Esperantojn

Rainer

# Esperanto, la lingvo de amo





774 ABC Melburno vendredon 6/6/14 4.18ptm

http://www.abc.net.au/news/2014-06-06/esperanto-language-love/5504884?&section=news

# Informilo de Esperanto por UN - Majo 2014

**(Legu detalojn en la reto: www.esperanto-un.org/informiloj)**

*Simpozio pri lingva egaleco pridemandis internacian praktikon
*Universala Esperanto-Asocio Aljuĝis Stipendiojn por Studado de Terminologio
*Pasportan Servon Revigligas la Junulara Sekcio de UEA, TEJO
*La 99-a Universala Kongreso de Esperanto en Bonaero Anoncis fakajn prelegojn

# Tamen Plu

nun aperos nur ĉiun duan monaton

Saluton al ĉiuj, kaj denove mi devas esperegi, ke vi volonte pardonos min!
Mi tre ĝuas mian laboron kiel redaktanto de **Tamen Plu**, sed ofte mi trovas la taskon nefacila kaj iom laciga (eble pro tio, ke mi celas perfektecon!!) Do, ekde nun, Tamen Plu ne aperos ĉiumonate, sed ĉiun duan monaton (t.e., sesfoje en jaro). Mi intencis sendi ĝin frue en junio, sed mi estis malsana dum la pasinta semajno kaj mi ankoraŭ ne sentas min tute sana. Mi **certe** dissendos eldonon antaŭ la komenco de julio!
Dankon pro viaj pacienco kaj komprenemo.
Tre amike, Katarina

## La Adelajda Esperanto-klubo.

Anoj kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato en La Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.



### Kluba kunveno en Adelajdo (4-a de junio)

La adelajdanoj renkontiĝis kiel kutime en la komunumejo Box Factory. Ĉeestis Katja, Trevor, Indrani, Sandor, Max, Bob, kiel gastoj Johano Massam el Perto kaj adelajdano Benno Lang.

Benno estas studento pri lingvistiko de la Universitato de Adelajdo kaj ĉeestis la E-lecionon dum la tiea lingva festivalo.

La ĉefa programero estis prelego de Trevor pri la ekesto de la unua mondmilito. Li uzis kelkajn mapojn kaj bildojn kaj ni ricevis klaran priskribon de la cirkonstancoj, kiuj ekis kaj movis la terurajn okazaĵojn.

Sandor faris flugfoliojn pri niaj venontaj aranĝoj: vintra E-kurso kaj E-ekspozicio en unu el la lokaj komunumejoj. Li alportis ankaŭ malbonan novaĵon: Pat Palmer estis operaciita kaj estas en malsanulejo en danĝera stato.
Katja Steele

# Lauren's Esperanto week 4: Parolas Esperanton




Jen la amikino de Benny Lewis post 4-semajna studo de Esperanto. Ŝi bone progresis, ĉu ne?

https://www.youtube.com/watch?v=AfHe2LBqrWc

Amike, Nicole



# La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

Jen artikolo pri nia lasta kunveno.

La Melburna Esperanto klubo bonvenigis John Masson el Perto al nia lundo-kunveno. Dum la kunveno kelkaj membroj helpis Franciska prepari legaĵon de libro verkita de Prof. Ron Gates, por la 3ZZZ radio-elsendo.
Vi povos aŭdi ĝin dum Julio kaj Aŭgusto ĉe FM 92.3 Melburno.
Ni tre bedaŭris ke Ken Rolls estas en la hospitalo post koroperacio kaj ni sendas al li niajn bondezirojn por baldaŭa resaniĝo.

"La Melburna klubo, kiel kutime, ne renkontiĝos venontan lundon la 9an de Junio pro la datreveno de nia reĝina feritago."
Heather

# Speciala omaĝo al tiu, kiun ni amas

**(Kun Esperanta voĉo)** sendis Legio de Bona Volo




Ili havas magiajn povojn
Kaj plej belan hararon...
Ili staras ĉie...
Ili zorgas pri ni,
Kaj estas iuj, kiuj zorgas pri amaso da homoj!
Kaj estas iuj, kiuj helpas konstrui pli bonan kaj pli feliĉan mondon!
Amo. Ni pensas, ke ilia povo devenas de tio.
Ĉu vi scivolas pri kiu ni parolas? Niaj infanoj respondas en la universala lingvo Esperanto!

**ELTROVU ĈI TIE:** http://www.youtube.com/watch?v=sovuYubkNxg&feature=player_embedded



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
7/6/14 venis 5. Ian, Roger, Eunice, Chris, John
Bona vetero, bona tago, bona kunveno.

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2014-05-29 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (15/05/2014) ĉeestis
Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret (iomete) kaj Sandor
Jonathan estis/as en Kanado

*** VENONTA KONGRESO EN 2015**
Jes, ni kongresos en Melburno: 2-a ĝis la 11-a de januaro 2015.
Refoje multajn dankojn al Heather, kiu faris/as la aranĝojn.
Ni diskutis la kotizon: $150.00 ($120.00).
Heather kaj Joanne preparas la flugfolion.

*** INSTRUISTO POR LA JANUARA KONGRESO**
Ni demandis Giles el Kanbero > li ne povas. Do, eble Steve Landmann el Kanbero
La NZ-anoj simple ne havas instruiston.
Eble unu el Indonezio? Andre ne povas/volas. Sandor demandos Ilia.
Do, la serĉado daŭras.

*** ESK**
Kam klarigis ke ĝi bezonas pli da tempo, … eble monaton.
La ĝenerala konsterno kaj frustracio inter la aliaj estraranoj daŭras.
Se vi volas/povas helpi kun la produktado de ESK . . . ANONCU VIN.

*** KOMPANIO > ASOCIO**
Heather klarigis, ke la Asocia strukturo nun estas kreita kaj la mono estis transigita al la konto de la Asocio. Baldaŭ ni oficiale fermos la kompanion. (Eble funebra ceremonio?)

*** JONATHAN**
Jonathan estos en Kanado dum la venontaj tri monatoj.
Tamen, li daŭrigas sian retan laboron kaj multe komunikos kun ni.
Ni deziras al li bonan tempon.

*** LA VENONTA SKYPE ESTRARKUNVENO** okazos dimanĉon, la 15-an de junio, je la 11:00(EST) por ke ankaŭ Jonathan povu partopreni iomete.

Heather, Kam Lee, Indrani, Jonathan, Sandor